# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
12-a jaro N-ro 4 (47) decembro 2013


- Dudekjara jubileo de la ĝemeliĝo inter Herzberg kaj Góra
- LA en Francio starigas respondeculon pri Ĝemelaj Urboj
- La 48-a Esperanto-Ekspozicio de Takatuki
- Gratula letero de la komisiito al Herzberg kaj Góra
- Vizito al la ĝemelurbo Changzhou
- Saluta prelego de Ukita Masaharu

## Enhavo


1…Dudekjara jubileo de la ĝemeliĝo inter Herzberg kaj Góra
1…LA en Francio starigas respondeculon pri Ĝemelaj Urboj
2…La 48-a Esperanto-Ekspozicio de Takatuki
2…Gratula letero de la komisiito al Herzberg kaj Góra
3…Bildkartmovo el Breŝa Esperanto-Grupo
3…Biografieto de respondeulo pri ĝemelaj urboj en LA
4…La urbestro partoprenis en duobla solenaĵo
4…Vizito al la ĝemelurbo Changzhou
7…Saluta prelego de Ukita Masaharu
8…Voloj el Hispanio kaj Kubo


Kovrilfoto: Wu Guojiang

### Funkciuloj de La Projekto Ĝemelaj Urboj

S-ro Mark Fettes, prezidanto de UEA
S-ro Stefano Keller, estrarano de UEA pri Monda Evoluo, Konsciigo: Komisiono pri Rilatoj kun Internaciaj Organizaĵoj (KRIO), Ĝemela Urboj
S-ro Osmo Buller, ĝenerala direktoro de UEA
S-ro Wu Guojiang, komisiito de la projekto

### Kunlaboremuloj de la projekto

Je la kontinenta agado pri Ĝemelaj Urboj s-ro Luigi Fraccaroli el Italio, s-ro Hassano Ntahonsigaye (ntahonsigayea@yahoo.fr) el Burundo kaj s-ro Hori Yasuo (Hori-zonto@water.sannet.ne.jp) el Japanio volonte kunlaboras kun la projekto.

### Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj


**Redaktoro**: s-ro Wu Guojiang
Adreso: Fushun Xinfu-Qu, Qianjin-Lu, 45-Hao, 113015 Fushun, Liaoning, Ĉinio.
Telefono kaj Fakso:+86-413-2650322;
Retadresoj: ghemelurboj@sina.cn amikeco999@21cn.com
**Provlego**: s-ro Robert Bogenschneider, retadreso: robog@gmx.de


### Respondeculoj de Landaj Asocioj Pri Ĝemelaj Urboj

**Eŭropo**

Francio
s-ino Raymonde Coquisart
Retadreso: raymonde.coquisart@yahoo.fr

Italio
S-ro Luigi Fraccaroli
Retadreso: luigi.fraccaroli@esperanto.it

Nederlando
S-ro Pieter Engwirda
Retadreso: pieter.engwirda@gmail.com

Svedio
s-ino Kaisa Hansen
Retadreso:kaihan@bredband.net

**Azio**

Mongolio
S-ro Chimedtseren Enkhee
Retadreso: enchjo@yahoo.com

Pakistano
S-ro Jawaid Eahsan
Retadreso: saluton123@yahoo.com

Vjetnamio
S-ro Nguyen Xuan Thu
Retadreso: autuno32@gmail.com

NOVAĴO

**Dudekjara jubileo de ĝemeliĝo inter Herzberg kaj Góra**

La urboj Herzberg am Harz, la Esperanto-urbo, kaj la pola ĝemelurbo Góra komence de oktobro 2013 en Herzberg festis la jubileon de dudekjara bona kaj aktiva kunlaboro.

La festo estas tre bunta. Ĉe Herzberg estis aranĝitaj akcepto de la urbodomo, prezento de lokaj muzikistoj, oficiala festo, prelegoj, ekspozicioj ktp. Ĉe Góra la urbestrino Irena Krzyszkiewicz persone gvidis la urbodoman delegacion partopreni en la jubileo, kaj faris la brilan prelegon en la oficiala festo okazinta en la Kavalira Salono de la bela Kastelo Herzberg. Ankaŭ venis okpersona grupo de la Esperanto-Klubo en Góra (EKG).

Intervidiĝante la urbestrinon de Góra kaj la delegacion (vidu foton1) kaj akceptante esperantistojn de la du landoj (vidu foton 2) s-ro Gerhard Walter, la urbestro de Herzberg, tre ĝojis pri la pozitivaj kontaktoj inter ambaŭ urboj. En la festo s-ino Zsófia Kóródy el Esperanto-Centro (Interkultura Centro Herzberg) prezentis lumbildprelegon pri la spertoj de la ĝisnunaj ok ĝemelurbaj Someraj Arbaraj Lernejoj (SALO) por gejunuloj el ambaŭ urboj. Ili kune lernas kaj amikiĝas dank'al la uzado de la neŭtrala pontlingvo Esperanto. Dum la lastaj ok jaroj per tiu projekto, kiu kunligas lernejojn, gejunulojn, instruistojn kaj gepatrojn, Esperanto-klubanojn, la kontaktoj kaj bonaj rilatoj inter ambaŭ urboj multe kreskis kaj tion rimarkis kaj aprezis ankaŭ la politikistoj.

La ekspozicioj enhavas du partojn, unu temas pri Esperanto-tradukaĵoj de pola literaturo, Esperanto-gazetoj el Pollando, memoraĵoj el Góra kaj produktoj de infanoj faritaj dum SALOj. La urbestrino Irena Krzyszkiewicz rigardis ĝin en la Esperanto-salono de la kastela muzeo (Vidu foton 3). Alia pri pentraĵoj, i.a. pri ĉ. 70 belaj artaĵoj far de la esperantistaj pentristinoj Bozena Zajankowska, Lucyna Sozanska kaj Danuta Toloczko-Smolarska de EKG. Esperanto-Centro kaj la urba administracio kune organizis ĝin en la urba biblioteko, en la gimnazio, en la urbodomaj oficejoj kaj koridoroj kaj en la Kavalira Salono de la Welf-kastelo. Certe ne mankas aliaj festparoladoj, gratulleteroj kaj interŝanĝoj, ekzemple interŝanĝo inter pentristoj de la du urboj (vidu foton 4).

Laŭ raporto de Peter Zilvar kaj Zsófia Kóródy



Foto-1 Foto-2 Foto-3 Foto-4

**LA en Francio starigas respondeculon pri Ĝemelaj Urboj**

La 20-an de oktobro de oktobro 2013 la komitato de Esperanto France kunvenis en Parizo

kaj unuanime konsentis, ke s-ino Raymonde Coquisart estu la respondeculinon pri Ĝemelaj Urboj por Francio. Biografieto pri ŝi estas sube legebla. Sekve de Svedio, Vjetnanimo, Nederlando, Pakistano, Italio kaj Mongolio ĝi estas la 7-a landa asocio, kiu havas la respondeculon. La projekto esprimas koran gratulon al Esperanto France kaj kredas, ke la asocio havos novan progreson je laboro per klopodado kaj kontribuo de s-ino Raymonde Coquisart por la kampo.

La komisiito

**La 48-a Esperanto-Ekspozicio de Takatuki**

De la 25-a ĝis 27-a de oktobro Esperanto-Societo en Takatuki (EST) de Japanio okazigis la 48-an Esperanto-Ekspozicion en la ekspozicia halo de Urba Ĝenerala Centro. Interŝanĝo kun esperantistoj en la ĝemelurboj de Takatuki ankoraŭ estas la ĉefenhavo de la ekspozicio. Pensante, ke afiŝoj estu facile kompreneblaj, ĉi-jare EST faris ilin kaj grandigis fotojn kaj mallongigis klarigajn frazojn. Dum la ekspozicio la societo havis 5-minutan mini-kurson per projekciilo. La urba parlamentanino Tsujimoto Kiyomi refoje rigardis la ĉi-jaran ekspozicion kaj tie akceptis la libron "La Dorso de la Patrino" donacitan de D-ro s-ro Kiyoshi Tagahara.

El la retpaĝo http://www.geocities.jp/fdtsh088/ekspo-2013.html



Membroj de EST en la ekspozicio


D-ro. Kiyoshi Tagahara donacas la libron al la parlamentino

**Gratula letero de la komisiito**
**al la 20-jara jubileo de la ĝemeliĝo inter Herzberg kaj Góra**
**(2013-10-3)**

Estimataj s-roj urbestroj de Herzberg am Harz kaj Góra,

Oktobro estas rikolta sezono en Ĉinio, precipe ĉi tie, la nordorienta parto de Ĉinio, kie mi loĝas, vivas kaj laboras. Orkolora aŭtuno en oktobro estas plena de fruktoj, gajaj kantoj en oktobro estas konstante kantataj, diversaj floroj en oktobro estas brile buntaj, fluantaj riveroj en oktobro estas furioze ondegantaj. Ĉi-momente mi kore gratulas vin pro la 20-jara ĝemeliĝo de la du urboj. Mi kore salutas vin kaj la civitanojn de la du urboj.

En oktobro antaŭ 20 jaroj ambaŭ urbestroj oficiale subskribis interkonsenton pri ĝemeliĝo. Tio malfermis oran amikec-pordon por interŝanĝo inter la du urboj. Post 8 jaroj, t.e en 2005, ambaŭ urbestroj antaŭvide kaj sagace faris decidon: interkonsenti ekuzi Esperanton kiel pontolingvon kaj rekomendi la lernadon de la internacia lingvo al la urbanoj. Tio ne nur

instigas al esperantistoj de la du urboj kaj la mondo, sed starigas lernindan modelon por apliko de Esperanto en ĝemelaj urboj. Pliĝojige post unu jaro, t.e. en la 12-a de julio de 2006 la Herzberg-a urboparlamento voĉdone trapasigis decidon: Herzberg havas oficialan kromnomon "la Esperanto-urbo". Tio stimulis la Esperanto-movadon de la mondo. Tiu signifa decido rezultas el multaj motivoj, sed aktiva kaj fruktedona utiligo inter la du urboj estas unu el la ĉefaj motivoj, mi pensas.

En la pasontaj 20 jaroj ni, esperantistoj, tra Esperanto vidas, ke kreskadas arbo de ĝemeliĝo en la du urboj, ke floradas kaj fruktadas arbo de amikeco inter ambaŭ civitanoj. Mi kore bondeziras kaj kredas, ke Esperanto ludos pli grandan rolon por fortigi la ĝemelan rilaton kaj evoluigi kaj progresigi la du urbojn.

Prosperon al la du urboj!

Sanon kaj feliĉon al la civitanoj de la du urboj!

## Bildkartmovo el Breŝa Esperanto-Grupo






Por sendi laŭvice al la nunaj, ontaj kaj untaj ĝemelaj grupoj s-ro Luigi Fraccarol, prezidanto de Breŝa Esperanto-Grupo kaj respondeculo de landa asocio pri ĝemelaj urboj en Italio, en julio 2013 produktis kelktipajn bildkartojn pri lia urbo Breŝo (la aldonita foto montras unu el ili). Tiu ĉi popolara "bildkartmovo" inter la E-grupoj montras, ke esperantistoj kapablas produkti belartajn bildkartojn - speciale kompare kun la en komerco troveblaj bildkartoj, ofte malbelaj, malnovaj kaj ĉifitaj, kaj ke ĝemeliĝo estas aparte flegata fare de la esperanta komunumo, kiu sin dediĉas al la afero pro idealaj kialoj. Tion la lokaj instancoj ne povos pretervidi. La fotoj sur la bildkartoj estis faritaj de s-ro Daniele Gussago, membro de BEG kaj profesia fotografiisto ankaŭ.

Ĝis nun la bildkartoj subskribitaj de la ĉeestantoj de la monataj kunvenoj BEG sendiĝis al siaj ĝemeloj en Damstadt (Germanio), Troyes (Francio), Chesterfield (Britio), al amiko en Vigo (Hispanio) kaj la komisiito de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj

El raporto de Luigi Fraccaroli kaj Agadraporto 2013 de BEG

## Biografieto de respondeculo pri ĝemelaj urboj en LA



Raymonde Coquisart naskiĝis en 1952 en Francio, emertiĝis en 2012. Ŝi esperantistiĝis en 1972. Post unu jaro ŝi partoprenis en la Eŭropa Kongreso de Esperanto en 1973 en Luksemburgo, kaj unuafoje ĉeestis ŝian unuan universalan kongreson, nome la 54-an UK okazintan en 1974 en Hamburgo en Germanio.

En Esperanto-kariero de pli ol 40 jaroj ŝi aktivis interalie kiel ĝenerala sekretario de la Junulara Esperanto Franca Organizo kaj ĝenerala sekretario de Esperanto France. Ŝi ankaŭ zorgis pri rilatoj kun esperantistoj el afrikaj landoj, kaj ofte skribas artikolojn en la franca aŭ en Esperanto por profesiaj aŭ asociaj revuoj. Nun ŝi estas komitatanino de Esperanto France kaj plurfoje skribis artikolojn por la revuo Le Monde

de l'Esperanto. Vizitinda retejo : http://esperanto-france.org

Krom Esperanto, ŝi ŝatas vojaĝojn kaj genealogion, promenadon en la arbaro kaj ofte praktikas la fotografadon. Ŝi ĝuis la plezuron porti belajn kostumojn por retrovi sin en alia epoko, ekzemple kiam ŝi partoprenis plurfoje la noktan spektaklon "Sono kaj Lumo" dum pluraj jaroj en Moret sur Loing, mezepoka urbeto en Francilia Regiono.

## URBESTRO KAJ ESPERANTO



### La urbestro partoprenis en duobla solenaĵo

Inter la 27-a kaj la 29-a de septembro en la ĉeĥa urbeto Svitavy okazis duobla solenaĵo: 80jaroj de la ekzisto de la loka Esperanto-klubo kaj 5 jaroj de la tiea Esperanto-muzeo.

La urbestro David Šimek ĉeestis en la ĉefsolenaĵo okazinta en la Esperanto-muzeo kaj faris paroladon. Post tio li iris al la Esperanto-arbo kune kun la partoprenintoj, kaj tie kune kun la prezidantino de la klubo,vic-prezidantino de Ĉeĥa Esperanto-Asocio kaj iniciatinto de la Esperanto-Muzeo, senvualigis memorŝtonon kun dulingva teksto, en la ĉeĥa kaj en Esperanto. En la apuda foto maldekstre estas Esperanto-arbo, dekstre memorŝtono.



Ankaŭ indas mencii, ke tiu ĉi urbestro akceptis la partoprenintojn de Internacia Esperanto-Konferenco de OSIEK, kiu okazis de la 14-a ĝis la 20-a de julio 2012 en Svitavy.

El n-ro 11 Esperanto 2013

## INTER ĜEMELAJ URBOJ

### Vizito al la ĝemelurbo Changzhou

De la 27-a ĝis la 30-a de septembro laŭ invito de Changzhou-a Esperanto-Asocio(CEA) mi vizitis Changzhou, la ĉina ĝemelurbo de Takatuki, kun s-ro Ukita Masaharu, prezidanto de Esperanto-Societo en Takatuki (EST), kaj s-ro Okamoto Ryuichi, juna oficisto de Internacia Asocio de Takatsuki. Ĉi-foje ni faris viziton por partopreni en la 8-a Ĉina Flora Ekspozicio en Changzhou.

Ricevinte la retan mesaĝon de s-ro Zhang Changsheng, prezidanto de CEA kaj ĝenerala sekretario de Jiangsu-provinca Esperanto-Asocio (JEA), adresitan en la 16-a de julio, s-ro Ukita kaj mi konsiliĝis kiel trakti tion kaj provizore decidis, ke ni du akceptu la inviton. Mi pensis vidante la nunan cirkonstancon inter Japanio kaj Ĉinio, ke viziti Ĉinion estas bezonate, kaj renkontiĝi kun tieaj esperantistoj povos esti bona bildo por montri amikan rilaton de ambaŭ popolanoj. Estis fakte, ke li deziris inviti ankaŭ instruistojn de Yosumi-Elementa Lernejo (YEL) de Takatuki, kiu ankaŭ ĝemeliĝas kun Dongfang Elementa Lernejo (DEL) de Changzhou. Bedaŭrinde, kiel kutime en la lasta dimanĉo de septembro okazas sporta festivalo

en ĉiu elementa lernejo de Takatsuki, do lia deziro ne estis plenumebla.

En la ceremonio de la ekspozicio



La 27-an de septembro ni ekflugis je la 10-a horo kaj dudek kvin minutojn de la Kansai-a Internacia Flughaveno kaj atingis bonorde Ŝanhajan Pudong Internacian Flughavenon. Kiel promesite s-ro Wang Minhao, prezidanto de la Ŝanhaja Esperanta Asocio, atendis nin ĉe la elirejo. Mi havis okazon interparoli kun li trifoje, do mi bone konis lin. Sur la apuda foto: de maldekstre s-ro Wang, mi kaj s-ro Ukita.

Dum la aŭta veturado sur vojo al la Fervoja Stacidomo de Ŝanhajo mi miregadis pro la scenoj kun amase starantaj superaltaj konstruaĵoj. Mi vidis eĉ rapidege veturantan linimotoran vagonaron. Mia lasta vizito al tiu ĉi urbego okazis antaŭ 20 jaroj. Ja estis granda transformiĝo. Min okupis miro, ke kiel oni povis pretigi tiom multege da kvantoj da materialoj por la konstruado. Dume s-ro Okamoto aŭdis kaj vidis, ke Esperanto funkcias kiel vivanta lingvo inter ni kaj s-ro Wang. Li vere miris pro tio.



Ni ekveturis je la 15-a horo kaj 31 minutojn sidante en la klasa vagono plena de pasaĝeroj. La trajno similas al japana Shinkansen. Post 70-minuta veturado, je la 16-a horo kaj 40 minutojn ni atingis la stacion Changzhou. Krom s-ro Zhang Changsheng tie nin atendis ankaŭ s-ro Usui Hiroyuki, fame konata e-isto, kiu nun laboras en Pekino por Esperanta sekcio de El Popola Ĉinio. Li diris, ke li estis invitita kiel anstataŭa reprezentanto de la Esperanto-Rondo en Tokorozawa, kiu estas ĝemela kun Changzhou ankaŭ. Sur la apuda foto: de maldekstre s-ro Usui, mi, s-ro Zhang kaj s-ro Ukita.

Baldaŭ ni atingis Traders Fudu Hotel, 5-stela hotelo, kie ni loĝos. S-ro Zhang kondukis nin al akceptejo speciale aranĝita por invititoj al la ekspozicio. Ni ricevis sakon kun ĉinliteroj "La 8-a Ĉina Flora Ekspozicio". En ĝi estis skatolo kaj dokumentoj.

Laŭ la Akcepta Gvidlibro, kiu estis en la ricevita sako, invititaj delegacioj el internaciaj amikaj urboj de Changzhou estis 11 kaj la totala nombro de la aliĝintoj estis 93 personoj. Nomoj de s-ro Ukita kaj mi estis en la listo kaj ankaŭ s-ro Zhang kiel zorganto por japanoj. Kompreneble urbaj gravuloj kaj zorgantoj de la delegacioj ĉeestis en ĝi. Plejmulto de la delegacioj havis en si la urbestron. Mi pensis, se ne estus politika problemo inter Japanio kaj Ĉinio, la urbestro de Takatsuki povus sidi ĉi tie. Povas esti, ke ni estus oficialaj invititoj de la urbo Changzhou, mi supozis tion.

Matene je la 7-a kaj duono de la 28-a tago ni kolektiĝis ĉe la salono de la hotelo. Bedaŭrinde sufiĉe pluvis. Kiam ni fotis nin antaŭ la ekspoziciejo, pluvo ĉesis momente. Sed malice tuj ĝi fortiĝis. La aranĝantoj de la ceremonio preparis por la ĉeestantoj pluvmantelon. La ceremonio komenciĝis je la 9-a ĝustahore kaj daŭris unu horon. Starante en pluvo mi simpatiis al la koncernatoj, kiuj certe fervore preparis la ceremonion. Voĉoj de salutantaj funkciuloj apenaŭ atingis la ĉeestantojn.

Gvidmapo montras, ke estas 85 ĝardenoj ekspoziciataj de entreprenoj, urboj kaj provincoj, kaj eksterlandoj. Krome estas 5 naturaj pejzaĝoj kaj 7 pejzaĝoj en malseka tereno. La skalo estis grandega. Mi bezonus semajnon se mi volus libere rigardi la tutan areon. Ni vidis parteton de la ĝardeno kaj vizitis la ĉefekspoziciejon el tri konstruaĵoj. Ni povis ĝui diversajn bildojn montritajn per moderna tekniko.

## La Esperanto-forumo de tri asocioj

Post tagmanĝo en la 28-a tago en la hotelo ni ĉeestis al Esperanto-Forumo de Tri Esperanto-Asocioj, kiu laŭvice aranĝata de la tri asocioj de Ŝanhajo, Jiangsu kaj Zhejiang, kun la temo “La estonteco de Esperanto kaj la disvolviĝo de la Esperanto-movado”. Ĝi okazis en Liu Guojun Profesia Teknika Kolegio. Ĝin prezidis s-ro Wang Minhao. Mi rimarkis, ke krom ni, japanoj, estas tri eksterlandanoj el Irano, Koreio kaj Rusio inter pli ol tridek esperantistoj.

S-ro Zhang Changsheng prelegis sub la titolo “La amikeco estas eterna temo de Esperanto”. S-ino Chen Ye, instruistino de DEL, prezentis kiel ŝi instruas Esperanton al la lernantoj de Esperanto-klubo, kiu konsistas el lernantoj de la 4-6aj lernjaroj kaj aktivas ĉiuvendrede.



Antaŭtagmeze de la 29-a de septembro la ferma ceremonio de la forumo okazis en granda ĉambro de la kolegio. S-ro Zhang Changsheng prezidis la ceremonion. Kvar nee-istaj gastoj salutis laŭvice, i.a. s-ro Lu Xiaoguang, honora prezidanto de CEA kaj prezidanto de asocio pri kultura interŝanĝo por fremdlandoj. En sia parolado li alte taksis la kontribuon de la esperantistoj por starigi la ĝemelajn rilatojn de la du urboj, Changzhou kaj Takatsuki. S-ro Ukita faris salutan prelegon (vidu alian paĝon) menciante historieton pri la interŝanĝo de Esperanto-rondoj en la du urboj kaj esperante, ke politika problemo inter Japanio kaj Ĉinio estu pace solvita. S-ro Pan Yajiang, kiu vizitis nian urbon en 2010, ĉinigis la enhavon.

Poste la forumo daŭris sen gastoj. Tiam la lernantoj sidintaj en la ĉambro tute malaperis senspure. Mia supozo perfidiĝis, sed mi esperis, ke almenaŭ kelkaj el ili interesiĝus pri E-o aŭdante parolon de s-ro Lu Xiaoguang.

La prezidantoj de la tri asocioj parolis unu post alia pri sia agado. Bedaŭrinde mi ne povis aŭdi pri Esperanto-kurso, kiu estas plej grava por disvastigo de nia lingvo Esperanto.

## Vizito al ĝemela lernejo



Post tagmanĝo ni vizitis DEL, ankaŭ sidejo de CEA. La lernejestrino Liu Lixia, kiu vizitis YEL kaj nian societon en 2010, akceptis nin kun ĝoja mieno. S-ro Ukita voĉlegis la E-igitan mesaĝon de s-ino Haruta Tokiko, la lernejestro de YEL, kaj Brila tradukis la enhavon. Li transdonis ĝin al s-ino Liu Lixia kun la originala mesaĝo skribita de s-ino Haruta Tokiko.

La lernejo montris al la vizitantoj, kiel Brila instruas Esperanton al lernantoj. Malgraŭ ke la tago estis dimanĉo, ili venis kaj ĉeestis en la leciono. Vidu la teman foton.

Mi vidis, ke ŝi alprenas diversajn ludojn, por ke lernantoj povu amuze lerni lingvon. Ja la brilantaj okuloj de la lernantoj atestas, ke ŝia instrumaniero estas sukcesa.

Adiaŭ

Antaŭtagmeze de la fina tago s-ro Zhang kondukis nin per sia aŭto al ekspoziciejoj de artaĵoj, kiuj iam estis fabrikoj de teksaĵoj. Nun oni utiligas la konstruaĵojn por eksponi artaĵojn. Tagmeze li regalis nin per bongustaj raraj produktaĵoj de la lago Xitaihu, poste li kaj Brila afable akompanis nin per aŭtomobilo kun ŝoforo ĝis Pudong flughaveno.

Mi estas tre kontenta pri ĉifoja vizito al Changzhou, ĉar mi sentis, ke nia vizito estas utila al nia amiko, s-ro Zhang Changsheng kaj interalie por la movado de CEA.

Kara amiko Zhang, koran dankon pro via afabla zorgo. Ĝis revido! Changzhou, Ĝis revido!

Nakatu Masanori

**Saluta prelego de Ukita Masaharu**



Koran dankon estimata prezidanto pro via afabla prezento pri mi.

Mi nomiĝas Ukita Masaharu kaj estas la prezidanto de Esperanto-Societo en Takatuki, kiu rilatas longe kaj amike kun Changzhou-a Esperanto-Asocio.

Antaŭ ĉio mi esprimas elkoran dankon al la prezidanto de Chanzhou-a Esperanto-Asocio, kiu donis al mi ŝancon saluti vin ĉi tie kaj ĉeesti al tiu ĉi forumo.

Nu, mi volas prezenti al vi, kiel nia amika rilato komenciĝis kaj daŭras. Mi supozas, ke kelkaj el malnovaj esperantistoj sidantaj ĉi tie povus rememori la nomon Takeuti Tomiko, edzino de Takeuti Yosikazu, kiu multfoje vizitis Ĉinion kaj kontribuis al nia Esperanto-movado. Bedaŭrinde ŝi forpasis en 1998 kaj li en 2005.

En januaro de 1986 ŝi aŭskultis kiel kutime Esperantan elsendon de Ĉina Radio Internacia kaj hazarde kaptis novaĵon, ke en Changzhou fondiĝis Esperanto-Asocio. Ŝi tuj skribis leteron kun peto al Ĉina Radio Internacia, ke ĝi informu ŝin pri la nomo de la reprezentanto de Changzhou-a Esperanto-Asocio kaj ties adreso. Ĉar tiam ŝi sciis, ke urbaj registaroj de Takatuki kaj Changzhou kunsidas esperante ambaŭurban ĝemeliĝon, kaj tio realiĝos en malproksima estonto.

Baldaŭ Ĉina Radio Internacia afable plenumis ŝian peton. S-ino TAKEUTI Tomiko tuj skribis leteron al la informita adreso. La nomo de la prezidanto de Changzhou-a Esperanto-Asocio estis s-ro Zhan Zhenzhi. Kaj li respondis al ŝi amike.

En aprilo de 1986 Takeuti Tomiko kaj Nishikawa Toyozo, tiama prezidanto de nia Esperanto-Societo vizitis Changzhou aliĝinte al delegacio de Japan-Ĉina Amika Asocio de Takatsuki kaj renkontiĝis kun s-ro Zhan Zhenzhi kaj kelkaj changzhou-aj esperantistoj. Tiel nia interŝanĝo komenciĝis antaŭ unu jaro, ol kiam la du urboj kontraktis oficiale pri la

ĝemeliĝo en 1987.

Estis notinde, ke ambaŭ rondoj havis en si instruistojn de elementa lernejo, nome Dongfang-Elementa Lernejo kaj Tsunoe-Elementa Lernejo kaj komenciĝis amika interŝanĝo de la lernejoj.

Du jarojn poste Yosumi-Elementa Lernejo heredis la rolon de Tsunoe-Elementa Lernejo. La interŝanĝo de Dongfang kaj Yosumi daŭras jam pli ol 25 jarojn. Dume du lernejestroj de Yosumi-Elementa Lernejo vizitis Dongfang-Elementan Lernejon kaj aliflanke lernejestro de Dongfang-Elementa Lernejo, s-ino Liu Lixia vizitis Yosumi-Elementan Lernejon. Kaj ĉiufoje de la okazoj esperantistoj akompanis la lernejestron por interpreti la parolojn de neesperantistoj.

Mi povas emfazi, ke urba registaro agnoskas nian lingvon Esperanto vidante la interŝanĝon de la du elementaj lernejoj. Ja tio montriĝas, ke kiam nia Esperanto-Societo okazigas Esperantan Kongreson, urbestro mem ĉeestas al ĝi por saluti al la kongresanoj kaj urbo rezervas ĉambrojn, halon ktp por aranĝi la kongreson.

Nun inter Japanio kaj Ĉinio kuŝas politike tikla afero, sed mi povas diri, ke plejmulto de japanoj deziras ke tio estu pace solvita. Kiam mi parolis al mia amiko, ke mi vizitos Ĉinion, li diris kun serioza mieno, ĉu ne okazos al mi malagrablaĵo en Ĉinio. Mi diris al li, ke mi timas neniom, ĉar mi kredas, ke ankaŭ ĉinaj popolanoj havas ĉe la koro emon ami pacon.

Laste mi elkore deziras sukceson de ĉi tiu forumo. Koran dankon pro via aŭskultado.

El n-ro 298 la Zelkovo, gazeto de EST

## SERVA PLATFORMO

Hispanio

De la 1-a ĝis la 4-a de majo 2014 okazos en la urbo Arundo (Ronda hispane) la 18-a Andaluzia kaj 73-a Hispana Kongresoj de Esperanto (detale legu pri ĝi en la retejo: http://arundakongreso2014.wordpress.com/). S-ro Juan Diego Díaz Bautista kaj s-ino Fátima Jiménez el LLK tre esperas, ke la du kongresoj estu vere internacia, kaj ke Arundo vera Kongresurbo kaj ne nur urbo kun kongreso de Esperanto. Ili konsideras agadon de ĝemelaj urboj tiucele. Nuntempe Arundo havas ĝemelan rilaton kun Castiglion Fiorentino en Italio, Chefchaouen en Maroko, Cuenca kaj Onteniente en Hispanio.

Reagoj el vi plejprobable kaj helpe konkretigas la programon Ĝemelaj Urboj internaciigi la du kongresojn. Kontaktu Arundan Esperanto-Klubon per retadreso: esperantoarunda@gmail.com; Poŝtelefono: (0034) 652550105, Juan Diego; Skype: juandiegoazbau.

Kubo

Mi ŝatus ĝemeligi nian klubon kun aliaj kluboj eksterlande, mi estas estrarano de mia klubo kaj mi havas amikecan projekton pri kunlaboro, mi serĉas kunigi la homojn per Esperanto.
Se tio interesus vin, mi povas sendi tiun projekton aŭ kontrakton kiel vi volas diri tion. Kontaktu la retadreson alexander@embergrm.alinet.cu